# Informilo de Ĝemelaj Urboj



Reta bulteno de UEA pri la projekto Ĝemelaj Urboj
15-a jaro Kongresa numero N-ro 3 (58) decembro 2016

# Enhavo



**<u>Kovrilfoto</u>: esperantistoj marŝantaj sur strato de Nitra fare de Jozef Baláž.**

## Funkciuloj de La Projekto Ĝemelaj Urboj

S-ro D-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA
S-ro Stefan MacGill, vicprezidanto de UEA
S-ino D-ino Veronika Poór, ĝenerala direktorino de UEA
S-ro Wu Guojiang, komisiito de la projekto

## Kunlaboremuloj de la projekto

En la kontinenta agado pri Ĝemelaj Urboj nun tri samideanoj volonte kunlaboras kun la projekto.
**Afriko**: s-ro Hassano Ntahonsigaye el Burundo ĉefe peras informojn, retadreso: ntahonsigayea@yahoo.fr
**Azio:** s-ro Hori Yasuo el Japanio, ĉefe raportas pri agadoj en la gazetoj, retadreso: Hori-zonto@water.sannet.ne.jp
**Eŭropo:** s-ro Luigi Fraccaroli el Italio, akcelas kontakton inter ĝemelaj urboj per evoluigo kaj fortigado de personaj ĝemelurbaj rilatoj, retadreso: luigi.fraccaroli@esperanto.it

## Respondeculoj de Landaj Asocioj Pri Ĝemelaj Urboj

**Ameriko**
<u>Argentino</u>: s-ro Jorge Enrique Cabrera, retadreso: jeccenter@gmail.com
<u>Kubo</u>: s-ro Miguel Ángel González Alfonso, retadreso: miguelangel@esperanto.co.cu
**Azio**
<u>Mongolio</u>: s-ro Chimedtseren Enkhee, retadreso: enchjo@yahoo.com
<u>Pakistano</u>: s-ro Jawaid Eahsan, retadreso: saluton123@yahoo.com
<u>Vjetnamio</u>: s-ro Nguyen Van Ha, retadreso: nghaverer@gmail.com
**Eŭropo**
<u>Francio</u>: s-ino Raymonde Coquisart, retadreso: raymonde.coquisart@yahoo.fr
<u>Nederlando:</u> s-ro Pieter Engwirda, retadreso: pieter.engwirda@gmail.com

## Redakcio de Informilo de Ĝemelaj Urboj

**Redaktoro**: s-ro Wu Guojiang
Adreso: Fushun Xinfu-Qu, Qianjin-Lu, 45-Hao, 113015 Fushun, Liaoning, Ĉinio.
Telefono kaj Fakso:+86-024-52650322;
Retadresoj: ghemelurboj@sina.cn amikeco999@21cn.com
**Provlego**: s-ro Robert Bogenschneider, retadreso: robog@gmx.de
**TTT-paĝo**: www.esperanto.fi/ghemelurboj/

NOVAĴO

## La 13-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj

Je 11:00-12:00, ĵaŭdon, la 28-an de julio 2016, en la salono Zvara de la kongresejo la 13-a Kunveno de Ĝemelaj Urboj okazis kun ĉirkaŭ 40 kongresanoj. S-ro Pieter Engwirda, respondeculo de la landa asocio Esperanto Nederland pri ĝemelurboj, prezidis ĝin.

Post voĉlego de la jara raporto de la komisiito li prezentis la informeblojn pri la projekto en komunikadoj, ekz. la reta bulteno Informilo de Ĝemelaj Urboj, la paĝoj de Vikipedio kaj UEA-vikio kaj post nelonge eble en la fejsbuka paĝo.

Plue li resumis sian planon pri renkontiĝo de la ĝemelaj urboj de Nitro, kiu per komuna foto celas disvastigon de Esperanto kaj la projekto en lokaj gazetoj. Komence 7 el 13 ĝemelaj urboj promesis sendi reprezentantojn, kaj fine nur du urboj plenumis tiun promeson. Al tiu situacio s-ino Eva Golden Bernardné el Veszprém (Hungario) diris, ke estas kontaktoj inter la oficistoj de la du urboj, sed ĝis nun ne ekzistis interŝanĝoj inter loĝantoj nek inter esperantistoj. Estas planoj por fari tiujn kontaktojn. S-ino Visnja Brankovic el Osijek (Kroatio) prezentis artikolojn en la lokaj gazetoj pri Esperanto. La tiea E-klubo estas dormanta, do ne havis kontakton kun esperantistoj el Nitra.

Laŭ s-ro Maurice Juy el Sarlat, Francio, kiu aktivas en sia loka klubo, la urbestro de lia urbo tenas kontakton kun tiu de Trogier en Kroatio, sed li ne sukcesis trovi homojn en Kroatio por instrui Esperanton tie. La ĉefdelegito en Kroatio ne respondas al liaj petoj, ankaŭ delegitoj en apudaj urboj ne volas kunlabori.

S-ino Nathalie Kesler el Baugé, Francio, kie estas la E-centro Kastelo Greziljono, serĉas ĝemeliĝon kun urbo en Azio krom la nuna ĝemeliĝo kun germana urbo, sed ne scias kiel fari. Al ŝia voko respondis s-ino Nguyen Thi Phuong Mai el Vjetnamio. Ili decidis plue daŭrigi kontakton tiucele post la UK. S-ino Nguyen Thi Phuong Mai ankaŭ klarigis, ke la landa respondeculo pri ĝemelaj urboj en Vjetnamio ŝanĝiĝis kaj nun estas s-ro Nguyen Van Ha, estrarano de VEA. S-ino Zsófia Kóródy raportis pri la ĝemelurba kunlaboro inter Herzberg kaj Góra kaj rakontis pri aktualaĵoj (ekz. vizito de 5-persona delegacio kun la urbestrino el Góra al Herzberg).

Laŭ raportoj de Pieter Engwirda kaj Zsófia Kóródy

## Malsama sperto en la 11-a Movada Foiro

La 11-a Movada Foiro okazis sabaton, la 23-an de julio 2016, ekstere sur la parkejo, kaj daŭris de 19:00 ĝis 21:00. S-ro Pieter Engwirda preparis sin deĵori por la projekto Ĝemelaj Urboj kun informiloj, sed pro malfrua alveno de la buseto, kiun li prenis de la germana Herzberg---la Esperanto-urbo al Nitro post ĉeesto al la 89-a SAT-kongreso, li maltrafis duonon da la foiro.

La buseto alvenis ĉirkaŭ la 20-a horo. La foiro jam komenciĝis, tiam la mendita tablo estis malplena. Krome s-ro Pieter unuafoje renkontis la situacion: en la foiro ne troviĝas

retkonekto! Sen ĝi li ne povas montri la vikipediajn paĝojn kaj aliajn aferojn. Alfronte tiujn malfavorajn faktorojn li ne forlasis, sed aktive kaptis la lastan horon por diskuti pri la temo ĝemelaj urboj kun kelkaj homoj ĝis la 21-a horo. La vivo sen bedaŭro ne estas vivo. Ĝuste pro tiu bedaŭro la projekto havas malsaman sperton kaj agadon de s-ino Zsófia Kóródy: en la kongresa semajno ŝi senĉese informis multajn homojn pri ĝemelurbaj kunagadoj.

Laŭ raportoj de Pieter Engwirda kaj Zsófia Kóródy

## Finfine okazis la 3-a foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Kongresurbo"

Kiel ajn finfine okazis la 3-a foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Kongresurbo", nome la foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Nitra". Entute 50 fotoj el 13 ĝemelaj urboj ekspoziciiĝis en la koridoro apud la salono Zvara. Kompare kun la sama okazo en la Lilla UK ĝi aspektis simpla, eĉ malfreŝe vestita; kompare kun la du ekspozicioj "Vivo de Zamenhof" kaj "Historio de Esperanto en Nitra" kun ĉeesto de kelkaj gravuloj ĝi aspektis nepompa, eĉ soleca, sed same ĝi estis atentata de la kongresanoj, eĉ aperis en videoj aŭ filmoj fare de kelkaj kongresanoj, same ĝi brilis en agadoj de la projekto dum la kongreso.

La urboj ekspoziciitaj estas Gosford en Aŭstralio, České Budějovice kaj Kroměříž en Ĉeĥio, Osijek en Kroatio, Guadalajara en Hispanio, Veszprém en Hungario, Gyeongju en Suda Koreio, Zoetermeer en Nederlando, Kielce kaj Zielona Góra en Pollando, Bački Petrovac en Serbio, Spišská Nová Ves en Slovakio, Naperville en Usono. La projekto kore dankas kaj salutas tiujn samideanojn kiuj sendis la fotojn. Ili estas J. Cooper el Aŭstralio, Ho Song (Suda Koreio), Pavel Jačka (Ĉeĥio), L. Kordylewski (Usono), Davor Klobučar (Kroatio), E. Golden (Hungario), Jwęży Rządzki (Pollando) kaj Rob Groeneveld (Nederlando).



## Kunlaboro, forto por krei miraklon

Wu Guojiang

Kio estas kunlaboro? Ĝi estas fari aferon en kunordigo aŭ komune plenumi taskon fare de du aŭ pli ol du personoj aŭ grupo por realigi la komunan celon. Kunlaboro ja estas forto. Tion refoje pruvas la 3-a foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de la kongresurbo".

Ŝajnas al mi ke la vivo estas eterne neperfekta sen kunlaboro. Oni povas muzikigi la kortuŝan muzikon de la vivo nur pere de kunlaboro, oni povas eliri el la vasta vojo de la vivo nur pere de kunlaboro.

Mi preskaŭ estis malespera se s-ino Claude Nourmont ne reagus al mia anonco pri nuligo de la Foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de Kongresurbo" (Nitra) en la 26-a de majo 2016 aperinta en la listoj ĉe yahoogroups kaj guglo. Tiam mi ne povis ne fari tiun decidon pro tio, ke LKK tute ne reagis al miaj dufojaj mesaĝoj pri tiu evento. En tiu anonco mi klare menciis, ke en la 13-a de septembro 2015 la unua mesaĝo estis sendita al Jozef Reinvart, sekretario de LKK de la 101-a UK por eksterlandaj, diplomatiaj kaj fakaj aferoj, kiu faris la projekciilan dokumenton "Malfermitaj fakaj aranĝoj de la 101-a UK". En la 13-a de marto 2016 okazis la dua mesaĝo kun letero al la urbestro de Nitra kiun mi sendis al kontakteblaj samideanoj en Slovakio, inkluzive de s-ro Stano Marček, s-ro Peter Baláž kaj s-ro Jozef Reinvart kopiante al la aliaj funkciuloj de la projekto. S-ro Stefan Keller, tiam estrarano de UEA, plu transsendis ĝin al ili, sed ankoraŭ ne venis ajna reago.

Tamen la du mesaĝoj ŝajne falis kiel ŝtono en maron ĝis la aktiva respondo de s-ro Peter Baláž al s-ino Claude en la 28-a de majo 2016. Mi ankaŭ devas danki s-ron Peter Baláž, ĉar la du mesaĝoj vere falus kiel ŝtono en maron sen lia reago. Laŭ li ni prizorgu mem (do iu kolektado de fotoj kaj ties pendigo en iu logika ordo, pretigo de iu priskribo ktp), sed li sciigis ke presi la fotojn ili povos ankaŭ en Slovakio por ni se bezonatos.

Dum malpli ol du streĉaj monatoj estas malfacila afero aranĝi la ekspozicion, sed tiam surpriza forto formiĝis por sukcesigi tion. S-ino Raymonde Coquisart ne aliĝis al la kongreso, sed ŝi surprenis la taskon kolekti kaj trakti fotojn. S-ino Claude Nourmont kunordigis la ekspozicion. Ĝis la 19-a de novembro 2016 mi povis scii ke iu sinjoro ĉiam ludis gravan rolon en la pria preparo. Li ja estas sinjoro Brian Moon, la kara edzo de Claude Nourmont. Li faris la fotojn pri la ekspozicio, kaj kune kun la edzino disponis pri loko en koridoro, kiun oni preterpasis por iri al multaj kunsidoj, kaj alkroĉi la tutajn fotojn. S-ino Claude preparis kaj presis du afiŝojn hejme. Ŝi anoncis la ekspozicion en la kongreskuriero (vidu n-ron 3) dum la kongreso kaj detale ĝin prezentis en n-ro 596-7 de le Monde de l'ESPERANTO, franca revuo, post la kongreso.

Menciante la farojn de la geedzoj Brian Moon kaj Claude Nourmont mi tuj rememoras la saman agadon de s-ino Raymonde Coquisart kaj ŝia edzo. Du ekspozicioj, kontribuoj de du geedzaj paroj, por evoluigo de la projekto Ĝemelaj Urboj ili ambaŭ elmontras la forton de kunlaboro, muzikigis kontribuon kaj prezentas legendajn rakontojn. Mi kore dankas ilin.

Mi ankaŭ esprimas koran dankon al s-ro Pieter Engwirda el Nederlando kaj s-ro Berto Schuman el Francio. S-ro Pieter Engwirda helpe serĉis esperantistojn en tiuj ĝemelaj urboj. Informiĝinte ke LKK ne reagis al la anonco pri la nuligo de la ekspozicio, s-ro Berto Schuman zorgis pri tiu ĉi afero. Li diris, laŭ sia sperto: Tiuj homoj ja interesiĝas pri via oferto, sed simple havas tro da laboro, aŭ intencis respondi kaj forgesis aŭ… Li proponis ke mi provu skribi al Dorota Rodzianko, la partnerino de Peter Baláž.

## La kongresa kuriero raportis la foto-ekspozicion pri ĝemelaj urboj

En n-ro 6 la kongresa kuriero Pribina estis legebla anonco fare de Claude Nourmont (KN461) pri la fotoekspozicio pri la 13 ĝemelaj urboj de Nitra.

## URBESTRO KAJ ESPERANTO

**Letero de la komisiito al la urbestro de Nitra**

2016-3-12

Estimata urbestro Jozef Dvonč,

Saluton.

Mi ĉi tie estas en printempo. Printempo estas bela sezono, samtempe sezono esperoplena. Mi skribas al vi kun espero. Post kvar monatoj okazos la 101-a Universala Kongreso de Esperanto en la bela Nitra. De kandidatiĝo al sukcesa elekto vi donas fortan subtenon kaj multe kontribuis por igi Nitra fariĝi la kongresurbo, precipe vi en la Esperanta parolado invitis esperantistojn al Nitra en la ferma ceremonio de la 100-a UK. Tio kortuŝis/as multajn esperantistojn. La bulteno "Informilo de Ĝemelaj Urboj" ĉiuflanke raportis viajn agadojn. Ĝis nun al la kongreso aliĝis ĉirkaŭ 1000 personoj el pli ol 50 landoj. Mi kore gratulas vin!

La projekto Ĝemelaj Urboj estis lanĉita de UEA en 2002. Ĝi celas interurban ĝemeliĝon kaj fortiĝon inter ĝemelurboj per Esperanto. UEA esprimas sian gravan subtenon al la projekto per partopreno en la Movada Foiro, okazoj de Kunveno de Ĝemelaj Urboj kaj Foto-ekspozicio Ĝemelaj Urboj de Kongresurbo, kaj la projekto Ambasadoro de Urbo. Mi skribas al vi por akiri helpon kaj subtenon en la Foto-ekspozicio Ĝemelaj Urboj de Kongresurbo, kaj la projekto Ambasadoro de Urbo.

Kunlabore kun loka kongresa komitato la projekto Ĝemelaj Urboj preparos por okazigi la 3-an Foto-ekspozicion Ĝemelaj Urboj de Kongresurbo, nome "Foto-ekspozicio Ĝemelaj Urboj de Nitra". Kiel vi scias Nitra havas 10 ĝemelajn urbojn en 9 landoj krom Spišská Nová Ves en la propra lando, ni estos dankemaj se vi en la okupateco povas trovi tempon informi urbestrojn de tiuj urboj pri okazo de la kongreso, kaj inviti ilin partopreni la kongreson kaj sendi fotojn al la ekspozicio krom konsidero al la kongresa programero Urbestra Akcepto. Ankaŭ tio estos tre signifa kaj rimarkinda, se tiuj urbestroj ne povas ĉeesti al la kongreso, sed povas konsideri sendi reprezentantojn kun gratulaj leteroj en la nomo de la ĝemelaj urboj de Nitra, ĉar tio ankaŭ estos granda kontribuo al la kongreso kaj forta subteno al la projekto Ambasadoro de Urbo enkadre de la projekto Ĝemelaj Urboj.

Plenan sukceson al la kongreso.

Sanon kaj feliĉon al vi, estimata urbestro de Nitra.

Prosperon kaj progreson al Nitra, la urbo gvidata de vi.

**La urbestroj aktivas en la kongreso**

La kuriero de la 101-a UK ricevis sian nomon laŭ fama loĝanto de Nitro, la princo Pribina (ĉ. 800-861). Entute eldoniĝis 7 numeroj. El ili oni legis multe da informoj, i.a. estis atentataj agadoj kun partopreno de urbestroj. La 22-an de julio la urbestro de Nitra Jozef Dvonč faris paroladon en la inaŭguro de la 2 ekspozicioj: Vivo de Zamenhof kaj Historio de Esperanto en Nitra. Li bonvenigis la kongresanojn en la solena inaŭguro de la UK. Sekve en la 26-a de

julio la vic-urbestro Ján Vančo partoprenis en la solena plantado de Esperanto-arbo, kiu okazis antaŭ la aŭlo de la Slovaka Agrikultura Universitato. S-ro Mark Fettes, prezidanto de UEA kaj funkciulo de la projekto Ĝemelaj Urboj, kiel grava gasto aperis en la supremenciitaj agadoj, eĉ faris festparoladojn.

El la kongresaj kurieroj Pribina

## URBA STILO KAJ TRAJTO

### Jara Raporto de la projekto Ĝemelaj Urboj en 2015

Wu Guojiang

**Konsciigo**

**Formiĝis la agadplano de la projekto Ĝemelaj Urboj**. Reage al la nova strategio de UEA s-ino Barbara Pietrzak el la estraro speciale verkis agadplanon por la projekto. La komisiito aldonis parton de la enhavo. La prezidanto Mark Fettes faris rimarkojn. La plano estas legebla en krompaĝo.

**Okulfrapa estas la projekto dum la 100-a UK**. La projekto unuafoje partoprenis en la Movada Foiro per tripersona teamo. Pli ol 50 kongresanoj ĉeestis la 12-an kunvenon de Ĝemelaj Urboj. Sukcese okazis la 2-a Foto-ekspozicio "Ĝemelaj Urboj de la Kongresurbo", nome la Foto-ekspozicio Ĝemelaj Urboj de Lillo, kaj unuafoje oni realigis tion per la ekspozicia tabulo.

La projekto Ambasadoro de Urbo havis progreson: Letero subskribita fare de la urbestro kaj donaco de Wrocław estis transdonitaj al la reprezentantoj de la urbo.

Estrara Komuniko de UEA kaj la kongresa kuriero anoncis pri la agadoj de la projekto.

**La projekto perdis fortan subtenanton kaj praktikanton.** S-ino Kaisa Hansen el Svedio estis la unua respondeculo de landa asocio pri ĝemelaj urboj en la mondo. Ŝi forpasis en la 18-a de februaro en 2015. La komisiito detale prezentis ŝiajn farojn por Esperanto-apliko en la ĝemelurba agado.

**Prelego vekis konferencanojn**. S-ino Zsófia Kóródy el Interkultura Centro Herzberg (ICH) en la germana Esperanto-urbo Herzberg faris prelegon pri la lerneja agado en la kadro de la ĝemelurba kunlaboro dum la 48-a Konferenco de ILEI (Internacia Ligo de Esperantistaj Instruistoj).

**Bonvena estas la reta bulteno "Informilo de Ĝemelaj Urboj".** Ĝiaj kvar numeroj estis redaktitaj kaj legitaj de pli ol 2000 legantoj en 128 landoj. Entute 76 esperantistoj el 41 landoj (same kiel en 2014) reagis al la projekto.

**Kapabligo**

Pro la forpaso de s-ino Kaisa Hansen kaj demisio de s-ro Luigi Fraccaroli la respondeculoj de landaj asocioj pri ĝemelaj urboj reduktiĝis al 8, nome Argentino kaj Kubo en Ameriko, Mongolio, Pakistano kaj Vjetnamio en Azio, Finnlando, Francio, Nederlando en Eŭropo， sed s-ro Luigi Fraccaroli ankoraŭ aktivas kiel kontinenta kunlaboremulo de la projekto en Eŭropo kiel s-ro Hassano Ntahonsigaye por Afriko kaj s-ro Hori Yasuo por Azio.

S-ro Pieter Engwirda prizorgis kaj ĝisdatigis enhavon de la paĝo pri ĝemelaj urboj http://uea.org/vikio/index.php/%C4%9Cemelaj_Urboj en la retejo de UEA.

**Komunumo**

**La forumo konsideras la komisiiton**. Okazis Filmo-Festivalo aŭspiciita de UEA, Esperanto-redakcio de Ĉina Radio Internacia kaj pluraj ĉinaj instancoj. S-ro LEE Jungkee, estrarano de UEA pri la Azia movado, aparte aranĝis kunsidon kun la titolo "Strategia Forumo de UEA pri Orientazia Movado". La komisiito ne partoprenis en la forumo pro tempo-manko, sed kiel aktivulo en UEA pri agado de ĝemelaj urboj estis tiam konsiderita kiel oficiala invitito. Poste li esprimis al la forumo vidpunktojn: El **konsciigo** esperantistoj en la kongresaj urboj kaj iliaj ĝemelaj urboj aktive agadas por informi pli multajn neesperantistojn pri la du kongresoj kun tia koncepto: Disvastigi la kongresojn estas disvastigi Esperanton; El **kapabligo** aliaj landaj asocioj en Azio aktive serĉu, trovu, trejnu aktivulojn kiel respondeculojn pri ĝemelaj urboj; El **komunumo** oni fortigas kaj (re)fondas interligon inter esperantistoj en ĝemelaj urboj, precipe inter la kongresaj urboj kaj iliaj ĝemelaj urboj per diversaj kanaloj kaj agadoj, ekz. ĝemeliĝo de lernejoj, kiuj enkondukas Esperanton, la foto-ekspozicio de ĝemelaj urboj kaj tiel plu. El **kunordigo** la projekto tenas intiman kunlaboron kun KAEM, landaj asocioj kaj lokaj asocioj por enkonduko kaj evoluigo de la ĝemelurbaj agadoj, kontakto kun instancoj kiuj okupiĝas pri ĝemelaj urboj, konsilado pri Esperanto kaj ĝemelaj urboj kaj tiel plu.

Indas mencii, ke ĉeestis ankaŭ s-ro Mark Fettes, la UEA-prezidanto kaj la projekto-funkciulo, kaj s-ro Chimedtseren Enkhee, prezidanto de Mongola Esperanto-Asocio kaj respondeculo de LA pri ĝemelaj urboj.

**Urbestroj estas grava forto en Esperanto-apliko en la ĝemelurba agado**. Prof. Fabrizio A. Pennacchietti kaj aliaj tri samideanoj el la Esperanto-centro de Torino partoprenis en la oficiala akcepto en la solena salono de la urbodomo kaj tie propraokule vidis, ke la urbestro de Ĉamberio Michel Dantin kaj la urbestro de Torino Piero Fassino subskribis la renovigitan konsenton. Dum la ceremonio Prof. Fabrizio A. Pennacchietti sukcesis paroli kun la du urbestroj.

Ambaŭ urbestroj de Herzberg am Harz, la Esperanto-urbo, kaj ĝia pola ĝemelurbo Góra priatentis kaj subtenis la Esperanto-movadon. La urbestro Lutz Peters partoprenis la 9-jaran jubileon de la germana Herzberg kiel Esperanto-urbo kaj la ekspozicio kun la temo: historiaj urboprospektoj en Esperanto.

La urbestrino Irena Kryszkiewicz akceptis instruistojn kaj lernantojn de la 10-a Somera Arbara Lernejo（SALO）de la du urboj, kiu okazis en Góra, kaj en oktobro kunsidis kune kun ambaŭ gvidantoj kaj instruistoj.

**Vigla renkontiĝo intimigis esperantistojn kaj la ĝemelajn urbojn**. La Alkmara Esperanto-Klubo en Nederlando organizis Ĝemelurban Renkontiĝon. 55 homoj el ĝiaj ĝemelurboj Darmstadt (Germanio), Troyes (Francio) kaj Tata (Hungario) kaj ĝia boĝemelurbo Brescia (Italio), i.a. Brescia ankaŭ estas ĝemelurbo de Darmstadt.

Deko da esperantistoj el la asocio Esperanto-Centro Torino en Italio sukcese realigis

reviziton al la franca ĝemelurbo Chambéry kaj pasigis kelkajn plezurajn tagojn kune kun tieaj samideanoj el la asocio Espéranto Vive de Chambéry.

**Kunordigo**

La plej bona ekzemplo de kunordigo estas la organizo de la ĝemelurbaj agadoj dum la UK. Tio ankaŭ estas la plej bona kaj efika kunlaboro. Al ĝi kontribuis s-ino Raymonde Coquisart kaj ŝia edzo J. Coquisart el Francio, s-ro Hori Yasuo el Japanio, s-ro Plamenka Vankova el Bulgario, s-ino Luis Hernndez el Hispanio, s-ro Pieter Engwirda el Nederlando, s-ino Claude Nourmont el Luksemburgo, kaj s-ro Stefan MacGill, s-ino Barbara Pietrzak kaj s-ro Clay Magalhães el UEA, kaj ĝin prizorgis kaj subtenis multaj esperantistoj kiel s-ino Edvige Ackermann el Italio, s-ro Ian Fantom el Britio kaj aliaj.

## Parto de la fotoj pri ĝemelaj urboj de Nitra



Gosford en Aŭstralio kaj la tiea Esperanto-grupo



Zielona Góra en Pollando




Gyeongju en Korea Respubliko kaj la tiea E-movado



Veszprém en Hungario kaj la tiea E-movado



Naperville en Usono kaj la tiea E-movado



Osijek en Kroatio




**Bački Petrovac en Serbio**



**Kielce en Pollando**



**Kroměříž en Ĉeĥio**



**Zoetermeer en Nederlando**



**České Budějovice en Ĉeĥio**



**Guadalajara en Hispanio**



**Spišská Nová Ves en Slovakio**



**Emblemo de la 101-a UK**